# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 93**

Bulteno de KAEM

Oktobro 2016

---

## Sukcese okazis la 8a Azia Kongreso







La 8-a Azia Kongreso de Esperanto okazis en la urbo Quanzhou de Fujian-provinco inter la 3a kaj la 6a de novembro 2016 kun la temo: “Esperanto por azia kunlaboro en reta epoko”. Samtempe en la sama loko okazis la 5a ILEI-Seminario en Orienta Azio (la 5a ISOA) kaj la 10a Jarkunveno de IKEF-Ĉinio (komercistoj). En la kongreso (inkluzive de supremenciitaj du eventoj) partoprenis pli ol 270 personoj el 20 landoj kaj regionoj.



La malferman inaŭguron ĉeestis honoraj gastoj, nome vicurbestrino de Quanzhou, vicprezidanto de Ĉina Internacia Eldona Grupo - tegmenta organizo de ĈEL, prezidanto de ĈEL s-ro Chen Haosu, estrarano de UEA pri Azio s-ro LEE Jungkee, ĝenerala direktoro de UEA s-ino Veronika Poor, prezidanto de ILEI s-ino Mireille Grosjean kaj aliaj.

Dum la kongreso oni okazigis ĉirkaŭ 30 programerojn inkluzive de 2 inaŭguroj, 2 ekskursoj, Interkona, Nacia kaj Internacia Vesperoj.



Unu el la plej freŝaj tri novaĵoj estas tio, ke dum KAEM-kunsido oni elektis s-ron So Jinsu, korean KAEM-anon kiel novan prezidanton de la komisiono. Vicprezidanto kaj sekretario restas samaj kiel antaŭe, vicprezidanto estas s-ro Inumaru Fumio el Japanio kaj sekretario estas s-ro Chimedtseren Enkhee el Mongolio.

Alia grava novaĵo estas, ke la 9a Azia Kongreso okazos en 2019 en la urbo Danang en Vjetnamio.

Kaj la alia estas, ke Aŭstralio kaj Novzelando membriĝis al KAEM, malfondinte la Oceanian Komisionon.

Chimedtseren Enkhee <chimedtserenenkhee@yahoo.com>

**Ni ĝuis la Kongreson**

1. Kenĉjon el Japanio ĉirkaŭas 7 virinoj el 4 landoj
2. Studentaj helpantoj ĉinaj ricevis dum la fermo atestilon de E-kurso.
3. Marioneta simio rajdas sur biciklo dum Nacia Vespero.
4. Ludintoj el diversaj landoj dum Internacia Vespero.
5. 6. Ekskurso al Muzeo de Mara Silkavojo kaj al la templo Kaiyuan.


















# La 5-a ILEI-Seminario en Orienta Azio (ISOA)

Ueno Juriko (Japanio)

La 5a ISOA okazis ĉi-foje kadre de la 8-a Azia Kongreso. La ISOA, kun la tre trafa kaj aktuala ĉeftemo "Lerni Esperanton per modernaj metodoj" ja fine montriĝis plene sukcesa – kun ĝustaj, taŭgaj programeroj laŭ la ĉeftemo, kvankam la kunsido estis malfermita nur posttagmeze de la 4-a kaj antaŭtagmeze de la 5-a.



La 5a ISOA komenciĝis per la malferma saluto de la estrino de IELI-CN, prof. d-ro. Gong Xiaofeng. Sekve la prezidantino de ILEI, s-ino Mireille Grosjean, prelegis pri "Kiel ellerni Esperanton, montrante procezon de homa penso kaj 5 sensojn: flarado, aŭdado, vidado, gustumado kaj tuŝado.

Tre menciindas, ke du demonstraj kursoj inter la prelegoj kaj aliaj programeroj estis tre utilaj por diskuti pri la problemoj en orientaziaj landoj. Unu el la du estis la instrumaniero al progresantoj; kiel efike voĉlegi frazojn Esperantajn por glate elbuŝigi la lingvon, kaj la alia estis por komencantoj, kies demonstruistino nun instruas Esperanton kiel enkondukan kurson al la 9- aŭ 10-jaraj geknaboj en elementa lernejo. La partoprenantoj fervore aŭskultis la paroladojn kaj serioze koncentris sian atenton al bildoj sur sceno. Aldone al tio, mi devas alskribi, ke plenplenaj homoj okupis la ĉambron. Tio signifas, ke aziaj esperantistoj ne facile lernas Esperanton.

Krom du demonstraj kursoj, kelkaj prelegoj okazis… pri la universitata instruado de Esperanto kaj Esperantologio de prof. d-ro. Ilona Koutny kaj Indramang-Metoda Lingvoinstruado de d-ro. Márkus Gábor kaj aliaj.

Mi tre bedaŭris, ke diskutado mankis al la ĉeestantoj, kiuj vere deziras tre efikan instrumanieron pri Esperanto al azianoj.

La urbo Quanzhou situas ĉe la marbordo de la markolo Tajvano. Tial la partoprenantoj ĝuis agrablan tempon pro la serena vetero, longa historia kaj riĉa kultura ekspozicioj.

# Mongolio

## Kvar homoj partoprenis en la Azia Kongreso

En la 8a Azia Kongreso de Esperanto partoprenis 4 mongolaj geesperantistoj, nome s-inoj Khorloo Tserendejid, Sukhbaatar Oyuzul, Osor Oyuntsetseg kaj s-ro Chimedtseren Enkhee. Samtempe kaj samloke okazis la 5a ISOA (ILEI-Seminario de Orienta Azio) kaj la 10a Konferenco de IKEF-Ĉinio (komercistoj).

Ni atingis la urbon Quanzhou tra Pekino kaj Xiamen. Survoje, en Pekino s-roj Nan Youli kaj Jiang Limin, en Xiamen s-ro Leo Deng, afable helpis nin. Ankaŭ ni devas mencii, ke helpo de s-ro Wang Tianyi (Ĉielismo) multe faciligis nian vojaĝon. Li anticipe mendis niajn trajnbiletojn ir- kaj revenajn. En Xiamen nin akceptis s-ro Leo Deng, loka IKEF-ano, kaj kondukis nin per sia aŭto al la kongresejo. Ni sincere dankas al ĉiuj helpintoj.

En Quanzhou vetero estis tre agrabla, precipe por ni, ĉar ni venis el vintra Mongolio al somero en suda Ĉinio. La kongresurbo estas bela kaj la kongresejo estas luksa. Tie ni renkontiĝis kun niaj malnovaj amikoj kaj konatiĝis kun novaj. Vid-al-vida renkontiĝo estis vera feliĉo de ni.

Partopreninte la programerojn, ni multe lernis de aliaj landaj asocioj, sekcioj kaj unuopaj esperantistoj. Atendante la 102an Universalan Kongreson en Koreio kaj la 9an Azian Kongreson en Vjetnamio, ni revenis kun bonaj kaj belaj memoroj al Mongolio.

(s-ino Khorloo Tserendejid, tserendjd@yahoo.com)

# Japanio

## La 103-a Japana Esperanto-Kongreso





La 103-a Japana Esperanto-Kongreso okazis en la urbo Oumi-Haĉiman en la gubernio Ŝiga de la 8-a ĝis la 10-a de oktobro 2016. En ĝi aliĝis 430 homoj, el kiuj 284 efektive ĉeestis, inkluzive de 13 alilandanoj el 7 landoj. Ekster la partoprenantoj, ankaŭ 43 civitanoj aŭskultis publikajn prelegojn kaj 6 civitanoj partoprenis en la enkonduka kurso de Esperanto.

La urbo Oumi-Haĉiman situas ĉe la Lago Biŭa, la plej granda lago en Japanio. La lago ricevis atenton de la japana publiko, ĉar kun kresko de la japana ekonomio, ankaŭ la poluo de la akvo de la lago kreskis. Kontraŭ tio, loĝantoj kaj municipoj klopodis kaj sukcesis teni la kondiĉon bona. Laŭ tiu historio de la loko, la kongresa temo estis "Lago Biŭa, Homo, Harmonio". Plue kiel kongresan memoraĵon, LKK-anoj kaj aliaj tradukinte eldonis Esperantan version de la japana libro pri medi-protektado de la lago "De Dinamika Lago Biŭa al la mondo". Dume de tiu ĉi agado, la aŭtoro Takao Yamaguchi eklernis Esperanton kaj en programero prelegis koncerne pri sia verko.

La kongresejo "Vories Gakuen" estas kristana lernejo fondita en 1922 fare de usonano William Merrell Vories. Gelernantoj bonvenigis nin per kontribuo al la kongreso per koruso, fanfara orkestro kaj te-ceremonio.

Skize revidu la kongreson. En la inaŭguro komenciĝis per la himno “La Espero” kaj salutoj de i.a. tri oficialaj aziaj invititoj el Korea Respubliko, Vjetnamio kaj Kamboĝo. Estis simpozio de 3 fakuloj pri naturmedio, prelegoj kaj muzika progarameroj, 25 fakkunsidoj, kaj 5 homoj prezentis la studraportojn. Estis JEI-ekzameno, antaŭ- kaj post-kongresaj ekskursoj kaj bankedo. En la ferma ceremonio, estro de Vories Gakuen, s-ro Doojoo Ken'iĉi, salutis, al kiu s-ro Jamada Tadaŝi donacis Esperantan biblion kaj s-ro Suzuki Keiiĉiroo, prezidanto de JEI, donacis la vortarojn Japana - Esperanta kaj Esperanta - Japana. Okazis premiado de la Premio Ossaka kaj la Literatura Konkurso. Prof. So Jinsu, vicprezidanto de LKK de la 102-a UK en Koreio, faris invitoparolon. S-ro Namba Humiharu faris invitoparolon al la venonta Japana Kongreso en Jokohamo, reprezentante siajn rondanojn. Sekvis transdono de la kongresa flago al Jokohamo kaj prezento de ĉi-jara LKK-anoj. Per kantado de “La Tagiĝo” la ĉi-jara kongreso finiĝis.

**Jacugatake-Esperanto-Domo endormiĝis por vintro**

La 19an de novembro komitatanoj de la Domo kolektiĝis kaj fermis ĝin por vintro. Tiu ĉi Domo ekfunkciis en 1994, do ĝi havas 22-jaran historion, sed tute ne maljuniĝis, male pli juniĝis. Ĝi estis nove farbita en 2015, kaj la ekipaĵoj estas novigitaj. En 2016 ĝi akceptis 540 homojn. Ĝi multe kontribuas al la Esperanto-movado en Japanio.




En 2017 okazos la UK en Koreio. Ĉu vi ne vizitos la Domon, profitante tiun okazon? En 2017 okazos la 104a Japana Kongreso en Jokohamo. Ĉu vi ne vizitos la Domon okaze de tiu kongreso? La Domo atendas vian viziton. Detale vidu:

http://www.jei.or.jp/jacugatake/index.htm

# Esperanto-budo en la Monda Ĵamboreo



La 23a Monda Ĵamboreo okazis en la urbo Jamanguĉi inter la 28a de julio kaj la 7a de aŭgusto 2015. En tiu ĵamboreo s-ro HOTTA Hirohiko, en la nomo de Japana Esperanto-Instituto kun helpo de Skolta Esperanto-Ligo kaj ĝia japana filio, malfermis budon kaj donis 7-tage ripetitan klerigan programeron, per kiu vizitantaj skoltoj kaj komandantoj eksciu la fakton, ke la fondinto de skoltismo (Robert Baden Powell) rekomendis Esperanton en sia verko kaj skoltoj havu sperton pri utileco de Esperanto. Novaj junaj esperantistoj-skoltoj plenperiode volontulisme kunlaboris; f-ino Chia Bee Yue el Malajzio kaj s-ro Sebastián Chacón el Venezuelo. La budo sukcese distribuis 1624 broŝurojn al vizitantoj, nome 5% de la 33000+ partoprenantoj de la ĵamboreo.

Por tiu evento, kunlabore kun junaj geesperantistoj en Azio (Koreio, Tajlando, Indonezio), s-ro HOTTA Hirohiko startigis specialan paĝon en la retejo de JEI. Jam pli ol cento da vizitoj al la paĝoj estas observata. Do li esperas, ke nemalmultaj skoltoj kaj komandantoj havos pli da intereso pri Esperanto por skoltisma aktivado kaj kontaktos Esperantujon en sia lando.

HOTTA Yuri <hotta.yurieto@gmail.com>

* Foto: Aleksandra Watanuki
*** Antaŭ 1 jaro pri ĉi-supra evento la redaktoro de Esperanto en Azio faris mis-raporton (misredakton kun multaj eraroj) en la artikolo titolita “Esperanto-budo en la internacia ĵamboreo” en paĝo 15 de n-ro 88. La redaktoro, pardonpetante al la kontribuinto, kaj re-aperigas la raporton, koretitan kaj detaligitan.

## Koreio

# La 48a Korea Kongreso de Esperanto

La 48a Korea Kongreso de Esperanto okazis en la universitato HUFS en Seulo inter la 1a kaj la 3a de oktobro 2016 kun la temo 'Esperanto por Mondcivitano'. En la evento partoprenis entute 142 homoj inkluzive de 26 infanoj kaj adoleskantoj. Ankaŭ finance ĝi gajnis kredit-riĉan rezulton dank' al la malavaraj monoferoj de multaj samideanoj, ĉefe de la membroj de Korea Esperanto-Asocio.



La kongreson organizis kaj prilaboris LKK de la 102a UK kun la celo 'bone provi ĝemele similan malgrandan UK-n'. Kvankam LKK plene okupiĝis kaj pene laboris pri la kongreso, mankis tempo sufiĉe bone akiri la fruktojn senplendajn. Tamen la kongreso estis tritaga kun unu plentaga ekskurso al Buyeo, ĉefurbo de la regno Baekje, unu el la tri regnoj en la antikva epoko en la korea duoninsulo. La ekskurso estis por amuziĝi kaj ankaŭ ekzerci ĉiĉeronadon de la tuttaga ekskurso de la 102a UK. Tuj post la kongreso la LKK-anoj estis tre lacaj, tamen ili denove klopodadas prepari la 102an UK-n.

Unu el la ĉefaj programeroj de la kongreso estis Malferma Soleno, kiu konsistas ĉefe el paroladoj gratulaj kaj salutaj. Ankaŭ la raportoj de la korea Esperanto-movado de la filioj kaj diversaj fakoj. Ankaŭ la premiado kaj la kunkantado de la himno "La Espero". Abundis prelegoj, kursoj kaj simpozio.

En la vespero post la Malferma Soleno okazis Interkona Vespero, kiu konsistis el prezentado de artaĵoj, nome kantado, muzikado, dancado kaj aŭkcio. Oni vokis ankaŭ neesperantistajn muzikistojn por ke oni bone aprezu korean arton. Nokte oni ankoraŭ vigle ĝuis la distradon en biertrinkejo, kie multaj senĝene babiladis kaj dancadis.

En la programero de "LKK Respondas" la membroj de LKK sur la podio klarigis pri la preparado de la 102-a UK kaj ricevis demandojn kaj respondis al la publiko.

Iom da membroj de ILEI aparte havis kunsidojn en klasĉambro. Ankaŭ la skipo de IIK (Internacia Infana Kongreseto) preparis dutagan programon por koreaj infanoj. Ekster la ĉefa halo oni ekspoziciis vidartaĵojn, pentraĵojn, ornamaĵojn kaj eldonaĵojn. La Asocio servis al la kongresanoj pomojn, kafojn kaj aliajn manĝaĵojn kaj trinkaĵojn.

(HO Song, ĝenerala sekretario de Korea Esperanto-Asocio)

## Koreaj infanoj floras

En la 48a Korea Kongreso de Esperanto, ĉiuj LKK-anoj mem organizis sian respondecan kampon por precize antaŭsperti la UK-on okzontan en Seulo en 2017. Ankaŭ la skipo de Internacia Infana Kongreseto (IIK) preparis dutagan programon por koreaj infanoj kaj en ĝi partoprenis 30 infanoj kaj adoleskantoj kun siaj 9 instruistoj.

La ĉeestantaj infanoj venis de diversaj urboj kaj lernejoj, en kiuj oni instruas Esperanton, plejparte kadre de alternative lerneja medio. Koreio havas grandan avantaĝon por lerneja Movado de Esperanto, ĉar medio de alternativaj lernejoj logike interesiĝas pri alternativaj medioj. Esperanto estas alternativa vojo por komunikiĝi kun tutmondanoj. Ĉi-foje nur 4 el tiuj 200 lernejoj akompanis siajn infanojn al la Kongreso. Imagu, kio okazos, se pli multaj lernejoj akceptos Esperanton.

Korea Esperanto-Asocio havas ideon, ke infanoj senpage partoprenu en naciaj kongresoj. Ĉiuj lernejaj infanoj ricevas subvencion por ĉeesti en kongresoj kaj multaj koreaj esperantistoj tuj levas sian manon por subteni la infanojn. Aliflanke Esperanto-instruistoj en alternativaj

lernejoj organizas staĝojn kaj interŝanĝas instrumetodon. Ili havas sian klason, do la grupa agado estas aktuala kaj aktiva. Tio estas spirita subteno por infana movado de Esperanto.

Dum la Kongreso la infanoj amikiĝis unu kun la aliaj per ludoj. Miŝa, ruso loĝanta en Koreio, gitaris por kune kanti, Yamaŝita (japano) paroligis ilin per bazaj frazoj, kaj 5 gvidantoj prizorgis ilin ĝis nokto kaj 4 pliaĝaj adoleskantoj helpis ilin kiel prizorgantoj. Tiamaniere oni subtenis infanojn, por ke ili kresku en Korea Esperantujo.

Ĉefa kanto de la infanoj titolis "Saluton al amikoj de la mondo". Ĝi estas preparita por Seula IIK kun diverslandaj kostumoj. Komence de la kanto, kelkaj salutvortoj de diversaj landoj aperas kaj infanoj asertas, ke kvankam ili loĝas en diversaj landoj kaj parolas malsamajn lingvojn, ili amas Esperanton. Jes, tio estas ĝuste la temo de IIK 2017 "Korea Mondo". Nia kolora diverseco estu viva kun interrespekto pere de Esperanto. Mi esperas, ke niaj infanoj bone gardos la idealan semon de Esperanto. Ĝi po iomete kreskos kaj finfine ni vidos, ke ĝi floros kolorplene en la mondo.

## Indonezio

### Pli ol 40 membroj lernos Esperanton en Sumatro

Pli ol 40 lernantoj el "SMP Negeri 4 Medan" komencos lerni Esperanton en decembro. La lernantoj estas membroj de la skolto en tiu registara lernejo en Medan-o, Sumatro, Indonezio.

La gvidanto s-ro Zulham Noer (Zulhamo) konis Esperanton en 1997. S-ro Adamo ENG el Malajzio vizitis la grupon en oktobro kaj enkondukis Esperanton al membroj de la skolto.

"SMP Negeri 4" estas la unua Esperanta skolto el la lernejoj en la mondo kaj baldaŭ pli kaj pli da skoltoj el aliaj lernejoj formos Esperantajn skoltojn. La rovera ĵamboreo en Ĝakarto en aŭgusto 2017 eble havos Esperantan skoltan budon. Se iuj ŝatas skoltan agadon, vi povas partopreni en tiu ĵamboreo kaj helpos disdoni informilojn kaj materialojn al la partoprenatoj el diversaj lokoj en Indonezio kaj aliaj landoj.

Zulhamo: znoer@yahoo.com

# Israelo

## La 18-a Israela Kongreso en 2017

La 18-a Israela Kongreso okazos en la marborda turisma urbo Aŝkelon, 57 kilometrojn (45 minutojn) sude de Tel-Avivo, la 30an de marto kaj la 1an de aprilo 2017.

La kongreso okazos en la moderna 4-stela apudplaĝa hotelo Leonardo: http://www.fattal.co.il/leonardo-ashkelon-hotel.

La kosto por unu persono por unu nokto en duobla ĉambro estos 380 NIS. Por eksterlandanoj la tuto (du noktoj + maten- kaj vespermanĝoj) 180 eŭroj.

La tradicia 5-taga ekskurso (Jerusalemo, Morta Maro, Eilat kaj Petra) okazos la 26an - 30an de marto kaj kostos 600 eŭrojn. Postkongresa ekskurso al Haifa, Ako, Nazareto kaj Tiberiado la 2an - 4an de aprilo, 300 eŭrojn. Aliĝo: eli@esperanto.org.il.

Amri Wandel Prezidanto de ELI

# Irano

## "Irana Esperantisto"

La aŭtuna numero de la revuo "Irana Esperantisto" estas elŝutebla el la retejo de IREA: http://www.espero.ir/ revuo/ie-19.pdf

Hamzeh Shafiee

# Pakistano

## La 39-a jara Kongreso de Esperanto

Mi oficiale anoncas, ke la 39-a jara Kongreso de Esperanto okazos la 30an – 31an de decembro 2016 en la urbo Multana. En ĝi ni okazigos ankaŭ estraran kunsidon kaj elektos novan estraron por la jaro 2017-2019. Shabbir Ahmad Sial, Prezidanto de PakEsA.

# Turkio

## “Turka Stelo”

Tre enhavoriĉa gazeto “Turka Stelo” estas elŝutebla:

https://esperantoturkiye.wordpress.com/category/dergi-revueto/

Vasil Kadifeli vasilkadifeli@gmail.com

## Ĉinio

# LEA kunlabore festis la Esperanto-tagon 2016






Shenyang Xiyuan Geedziĝa Kultura Parko estas nomita kiel la unua parko de la nordorienta Ĉinio pri geedziĝa kulturo. Tie estas aranĝeblaj diversaj geedziĝaj ceremonioj, ekz. surgazona geedziĝo, surakva geedziĝo, endoma geedziĝo, preĝeja geedziĝo kaj tiel plu. Oni povas plie scii pri ĝi per la ĉina retejo: http://www.syxizhiyuan.com/

Geedziĝo estas ĝojiga afero. La 16-an de julio 2016 LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio) kaj LIEKK (Liaoning Internacia Ekonomia kaj Kultura Klubo) kune festis la Esperanto-tagon kaj la 1-an datrevenon de la klubo, kun la temo "Retrorigardo, Koherado, Antaŭenrigardo". La festoj estis ankaŭ ĝojigaj aferoj. Tial la Asocio kaj la klubo elektis la parkon kiel lokon por la festoj. Tio ĉi estas unu el la plej sukcesaj kunlaboroj en la kunlabora jaro, kiun la asocio funkcigas en 2016. La festojn partoprenis pli ol 200 personoj el la rondoj ekonomia kaj kultura en la urboj Shenyang, Dalian, Anshan, Fushun kaj Dandong. Kelkaj kulturaj famuloj de la provinco konataj en la tuta lando ankaŭ venis kiel ordinaraj partoprenantoj.

Je la 16-a horo komenciĝis akcepto. Sur la tabloj de la registrejo oni vidis Esperanto-flagetojn kaj la klubo-flagetojn, kiuj ankaŭ aperis sur 20 manĝtabloj de la spektejo. Du grandaj fonaj muroj en la parko havis novajn vizaĝojn. Sur la blua muro troviĝas la vortoj "Celebre al la 129-a datreveno de la publikigo de la Unua Libro" en Esperanto kaj la ĉina lingvo. Ĝi altiris multajn personojn por foti.

La festoj komenciĝis je la 17-a horo per bankedo kaj vespero.

Dum prezentado prezidantino kaj prezidanto de la vespero alterne voĉlegis salutvortojn, en kiuj estis tiuj de s-ro Joseph van der Vleugel (Belgio, prezidanto de Rotaria Amikaro de Esperantistoj), s-ino Ursula Grattapaglia (Brazilo, la esperantista eduka Institucio BIENO-LERNEJO BONA ESPERO), s-ro Renato Corsetti (Italio, eksa prezidanto de Universala Esperanto-Asocio), s-ro Kara An (Koreio, IKEF-Koreio), s-ro LEE Jungkee (Koreio, estrarano de UEA), s-ro Pieter Engwirda (Nederlando, la E-klubo de Nimego), s-ro Valentin SEGURU (eksa vicprezidanto kaj nun gvidanto de Kontrol-revizia komisiono de Rusia Esperantista Unio), s-ro Andrey Bochkarev (Rusio), s-ro Stano Marček (Slovakio), s-ro Mario Vatrih



(prezidanto de E-Societo Maribor, Slovenio) kaj s-ro Anatoli Ionesov (Uzbekistano, UEA-delegito en Samarkando).

La granda ekrano ankaŭ rule elsendis la ricevintajn fotojn inkluzive de s-ro Renato Corsetti kaj la urbo Samarkando.

Eblas diri, ke tiuvespere la Esperanto-flagetoj, la fonaj muroj, kaj voĉlegado de salutvortoj el esperantistoj aŭ Esperanto-organizaĵoj sufiĉe altiris okulojn de la partoprenantoj, nemalmultaj el ili interese konsultis samideanojn de LEA pri Esperanto. Fortune mi ne tute forgesis la anglan lingvon kaj per ĝi neflue babilis kun s-ro Sampson Bang, prezidanto de Daon Esplora Instituto, Koreio. Mi prezentis al li Esperanton kaj la 102-an UK-on okazontan en lia lando en 2017. Kun intereso li konsultis min pri Esperanto, eĉ pri mia Esperanto-vivo.

Post prezentado en la vespero s-ro CHANG Peiye (vidu la maldekstran foton), fama prezenta artisto, ŝtata unuaklasa aktoro, tre plezure invitite dediĉis epigrafon al Esperanto:



La fina celo de la homara evoluo estas unu mondo, ĉiuj diras, ke la terglobo estas vilaĝo, ni ĉiuj estas vilaĝanoj. Se la futuro estus unu mondo, tamen kio estas unue unuigota estas lingvo, kvankam aliaj flankoj kiel mono necesas esti unuigotaj, lingvo estas la unua ilo por interŝanĝo per kiu oni vivtenas, la lingvo estas gravega, do, Esperanto plejprobable fariĝos tre bona lingvo igi la homaron atingi unu mondon. Certas, ke Esperanto evoluos kun evoluo de sciencteckniko kaj kulturo de la homaro, mi firme kredas tion.

La dediĉo de s-ro Chang simbolas, ke ekas la projekto de LEA "Famuloj de Liaoning priparolas Esperanton".

Raportis Wu Guojiang, vic-prezidanto de LEA, Ĉinio
Adreso: Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio.
ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com

# Nepalo

## La 12-a Internacia Himalaja Renkontiĝo 2017 atendas vin



**Laŭtaga skizo de *Sikles*-Piedvojaĝo:**
la 26an de februaro:
Alveno, enhoteliĝo kaj bonvenigo
la 27an de februaro:
Vidindaĵoj en Katmanduo
la 28an de februaro:
Vidindaĵoj en Katmanduo
la 1an de marto: de Katmanduo al Pokhara (820m alta, 6 horoj)
la 2an de marto: 4 horoj da marŝado
(Pokhara - Kalikasthan,1150m alta)
la 3an de marto: 5 horoj da marŝado
(Kalikasthan - Lamaĉaur 910m alta)
la 4an de marto: 6 horoj da marŝado (Lamaĉaur - Sikles 1980m alta)
la 5an de marto: 6 horoj da marŝado (Sikles - Galegaun 1800m alta)
la 6an de marto: 6 horoj da marŝado (Galegaun - Pokhara 1070m alta)
la 7an de marto: Pokhara - Katmanduo
la 8an de marto: libera tago kaj Adiaŭa Vespero
la 9an de marto: forflugo

Vi pasigos la unuajn kaj lastajn tagojn de la renkontiĝo en Katmanduo-valo, kie situas la ĉefurbo de Nepalo. Tieaj historiaj distriktoj kaj monumentoj atestas ĝian riĉan kulturan pasintecon. Notindaj estas tiuj de Patano kaj Bhaktapuro, kie vi povos vidi kiel nevaroj kaj tamangoj, la originaj etnoj de la valo, restas fidelaj al siaj jarcentaj tradicioj malgraŭ la multeflanka moderniĝo de la valo.

En la mezaj tagoj vi piedvojaĝos en la montaro Annapurna kaj atingos la vilaĝeton Sikles, de kie vi povos vidi panorame altajn, neĝajn montojn.

La kotizo estas 850 eŭroj inkludante hotelon, 3 manĝaĵojn tage kaj turismo. Pri la detaloj kontaktu Pradip esploristo@hotmail.com.

# Esperanto-movado en Filipinoj (2)



En la 65a Kantoo-Esperanto-Kongreso (Japanio, la 12an de junio 2016) Albert Garido el Filipinoj prelegis pri Esperanto-movado en Filipinoj.

**LA PROBLEMOJ**

Jen eble unu el la plej grandaj problemoj de la Filipina Esperanto-movado:

1. Dum eble estas bone, ke la plejparto de la Filipina Esperanto-komunumo estas junuloj en aĝoj inter 15 kaj 21 jaroj, tio estas negativa afero en la senco ke ĉi tiuj junuloj ankoraŭ okupiĝas pri studoj, kaj ankoraŭ ne laboras por sin financi al eventoj. Aliaj ne kapablas veturi al aliaj urboj pro financaj aŭ tempaj limigoj, aŭ ĉar ties gepatroj ilin ne permesas tion fari. Pro tiuj samaj kialoj ne eblas al multaj junaj Esperantistoj fizike renkontiĝi aŭ eĉ agadi en la Filipina Esperanto-movado. Pro tio ĉi, ankaŭ malfacilas, eĉ ne eblas vojaĝi al aliaj lokoj por reklami Esperanton aŭ etendi helpon al Esperantistoj loĝantaj en lokoj malproksimaj de la Manila regiono.
2. Mankas klasoj. Mankas ankaŭ materialoj kaj oportunoj por lerni kaj praktiki Esperanton. En Filipinoj, mankas lernolibroj, vortaroj, ktp. kiun oni povas uzi por lerni Esperanton. Malsame al Japana Esperanto-Instituto kiu havas grandegan kolekton da libroj kaj eĉ propran libroservon, Filipina Esperanto-Junularo (FEJ) havas kolekteton, kies konsisto estas nur pli ol 100. Ni eĉ ne havas ĉambron aŭ tekon por sekure meti la librojn, tial ili estas foje en neagrablaj situacioj. Pro tiu ĉi kialo, lernantoj anstataŭe devas memstudi la lingvon en la interreto. Ni scias, kiel bone estas lerni per libroj kaj

klasoj krom nur interreto. Eĉ se ni ne povas okazigi klasojn nuntempe aŭ en la proksima estonteco, ni nepre bezonas pli da materialoj.

3. Pro la kialoj antaŭe prezentitaj, specife numero 1, mankas homaj rimedoj en Filipinoj. Mi kiel la ĉefmotoro multe aktivas en la movado, sed mi ne povas fari ĉion. Ekzemple, mi malbone planas eventojn. Mi ankaŭ bezonas aliajn homojn en la aktivularo, sed aŭ ili ne emas agadi, aŭ ne scias kion fari. Ni ne povas disvastigi efike la lingvon por trovi pli da aktivuloj kaj ĝuste estas pro la manko de aktivuloj. Mi havas problemojn eĉ pri la Transira Konsilio, ke kelkaj nun ne haveblas por aktivo. Estas ĉiam kialoj aŭ pretekstoj por ne iri al kunsidoj. Tial, la Esperanto-agado de FEJ estas vere limigita al nur iuj fakoj.
4. Filipinoj estas izolita. La precipa kaj la nura konekto, kiun filipina Esperantistaro havas kun la cetero de la mondo, estas per interreto kaj poŝto. Baze, neniu eksterlanda Esperantisto venas al Filipinoj, nek funkciulo de la Esperanto-movado vizitis nian landon por helpi nin pri la stato de nia Esperanto-movado. Filipinoj estas nun insulo laŭvorte kaj figure tiusence, ĉar ĝi estas preskaŭ nekonektita. Filipinanoj ne povas pagi por iri eksterlanden kaj partopreni Esperanto-kongresojn. Do, eble kiam Esperantisto vizitos nin? Ĉu ni restos izolitaj de la cetero de la mondo? Reale, vere inspirus lokajn Esperantistojn interago kun eksterlandanoj por ke ili povu meti la Internacian Lingvon en praktikon kaj esencon.
5. Financoj. Klara problemo. Por kuraĝigi membrojn partopreni, ni povas subvencii almenaŭ ties veturon; por okazigi eventojn almenaŭ lui ĉambron; por disvastigi Esperanton almenaŭ presigi broŝurojn aŭ fari Esperantajn varojn; kaj por zorgi pri Esperanto-materialoj almenaŭ aĉeti lignan librobreton. Ni volas esti ambiciaj, sed bedaŭrinde, eĉ por tiuj simplaj agoj ni ne havas financon. Ni povus lanĉi agadon por altigi niajn financojn, sed kun manko de homa rimedo tio preskaŭ ne eblas momente. Kion fari?

**KONKLUDO**

1. De la komenco de la historio de Esperanto-movado en Filipinoj ĝis nun, ĉiam estas malfacilaĵo kaj stagnado kaj malforteco en agado. La agado de la nuntempa movado ankaŭ konfesende stagnas pro multaj problemoj, kiujn ni spertas.
2. Rimarkeblas, ke la atingoj kaj sukcesoj de la filipina Esperanto-movado nur dependas de unu aŭ kelkaj individuoj, kaj ne pro kolektiva agado. Sukcesojn pro kolektiva agado ni sopiras, kaj sen tio la organizo ne funkcius bone.

3. La filipina Esperanto-movado ĉiam ricevas laŭdojn kaj kuraĝigojn, sed tiuj en si mem ne funkcius. Nu, kvankam laŭdoj kaj kuraĝigoj estas ĉiam inspiraj, estas konkretaj problemoj, al kiuj vortoj ne sufiĉas kiel solvo – kaj pri tiuj problemoj la internacia movado povas fari ion. Bezonata estas eksterlanda apogo, ja. Necesas investi pli en movadoj de triamondaj landoj kun novaj Esperanto-movadoj, ĉu finance, homrimede, tempe, ktp., kaj mi pensas, ke tio ne nur dependu al la funkciuloj de internaciaj organizoj, sed ankaŭ eksterlandaj esperantistoj, kiuj kapablas helpi.

4. Kun subteno al la teoria kono de filipinaj lernantoj: ne nur la lingvo mem sed kulturo, historio, movado, ktp. kaj ankaŭ al la praktikado, la movado en Filipinoj povas turni sin same vigla kiel en Eŭropaj landoj, kie estas abunda aro da junuloj aktivantaj por Esperanto. Por tio necesas efika eduka kaj informada sistemo, kaj ankaŭ vigla reto de membroj, kiuj emas praktiki en Esperanto kaj aktivi en la movado.

**Filipina Esperanto-Junularo (FEJ)**

*Retadreso/E-mail. reto.feja@gmail.com

*Facebook: http://facebook.com/FilipinaEsperantoJunularo

*Twitter: http://twitter.com/FEJ_PH

*Blog: http://esperantoph.wordpress.com

## Opinio

# Esperanto estu la komuna lingvo de la Olimpikoj

**Amir FEKRI (Irano** <amir_fekri@yahoo.com>**)**

La Olimpikoj estas unu el la plej grandaj internaciaj eventoj. Dum tiu ĉi evento sportistoj kunvenas de diversaj nacioj kun diversaj lingvoj. Laŭ filozofio de la Olimpikoj, venki ne estas la ĉefa temo, sed partopreni kaj bone konkursi. Sporto estas ilo, kiu servas por paco, amikeco kaj ŝanĝo de la mondo.

Do, la celo de Olimpikoj estas kreo de pli paca kaj pli bona mondo same kiel la celo de Zamenhof. Sed ĉu nur havo de bonaj ideoj sufiĉas? Jen estas demando: ĉu la ideoj kaj pensoj per si mem efektiĝas/os? Dum la Olimpikoj, kiom da profunda amikeco estiĝas inter la sportistoj? Kiom ili proksimiĝas unu al la aliaj? Ili kolektiĝas, konkursas, sed io grava mankas. Dum la Olimpiaj ludoj sportistoj preterpasas unu la aliajn, kaj iliaj uzataj vortoj povas esti nur "saluton" aŭ "kiel vi fartas?" angle aŭ alilingve, ĉar ili ne havas rimedon interparoli pri diversaj aferoj unu kun la alia.

Antaŭ la Olimpikoj en Rio-de-Ĵanejro 2016, la perskanalo de BBC montris intervjuon kun iu japana virino. Ŝi diris, ke ŝia lando bezonos almenaŭ 75000 tradukistojn por la Olimpikoj en 2020.

Dank' al ŝia intervjuo, aperis en mia kapo unu demando: kial ni ne lanĉos kampanjon uzi kaj apliki Esperanton en la Olimpikoj? Japanio estas pionira lando pri Esperanto. Mi petas, ke Japana Esperanto-Insitituto proponu al IOC uzon de Esperanto en la Olimpikoj. Mi esperas, ke ankaŭ UEA, E-asocioj de ĉiuj landoj kaj pacemuloj tra la mondo subtenos ĉi-movon kaj la kampanjon.

Alia laboro, kiun niaj japanaj geamikoj povas fari, estos aldoni Esperanton al la list-lingvoj de la poŝtelefono. Kaj ankaŭ kreo de taŭgaj aplikaĵoj, je kiuj troviĝos diversaj informoj pri la Olimpikaj ludoj, bezonataj informoj por turistoj kiel publikaj veturiloj, hoteloj, restoracioj kaj manĝaĵoj, vidindaj lokoj ktp.

Fine menciindas, ke ideo de ĉi-kampanjo stariĝis en nia lasta kunsido kun profesoro Saheb-Zamani, patro de Esperanto en Irano kaj nia granda instruisto.

## Aktivuloj, membriĝu al UEA
## subvenciite de "Fondaĵo Azio de UEA"

Estas malfacile por esperantistoj loĝantaj en nepagipovaj landoj membriĝi al UEA pro financa kialo, tamen certe vi volas esti membroj de UEA. Do sendu jenan peton al KAEM. Se KAEM konstatas, ke vi estas diligentaj esperantistoj, ĝi aligos vin al UEA senpage kaj vi ricevos la belkoloran organon "Esperanto" 11 fojojn jare aŭ retan version. Vi ne plu estos izolitaj esperantistoj, sed en la rondo de la monda esperantistaro.

**Aliĝ-maniero**

1. Skribu jenajn tri aferojn.
   1) Viaj nomo, adreso, retadreso, naskiĝdato, profesio, kariero en Esperantujo ktp.
   2) Viaj agadoj por la movado en 2016 kaj planoj en 2017.

3) Membreco: MG, MJ (-T) aŭ MA (-T)
   * MG : kun Gvidlibro tra la Esperanto-movado kaj la revuo Esperanto rete.
   MJ (-T) : kun Jarlibro kaj la revuo Esperanto rete (kaj ĝis inkl. 29 jaroj, membroj en TEJO kun Kontakto).
   MA (-T) : kiel MJ (-T) plus la revuo Esperanto.

2. Sendu rete al s-ro INUMARU Fumio inumaru-f@nifty.com Aŭ sendu ĝin poŝte al KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
   Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
   * Skribu "Projekto C" kiel titolon aŭ sur la koverto.
3. Limdato: la 24a de decembro 2016.

**Notoj:**

1) **Skribu klare vian nomon kaj adreson en Esperanto!**
2) Rajtas membriĝi nur unu el la familianoj en la sama adreso.

**Peto al riĉaj ĉinoj**

Riĉaj ĉinaj esperantistoj ne aliĝu al tiu ĉi senpaga servo, sed mem membriĝu al UEA, kaj se eblas, donacu pli ol 5 eŭrojn al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio" .

* En 2016 membriĝis el Vjetnamio, Ĉinio, Indonezio, Mongolio kaj Taĝikio. Certe troviĝas kandidatoj pri tiu subvencio en aliaj landoj. Ne forgesu peti.

# Esperanto-eventoj

## Tutmonde

2017/07/15-22: La 50-a Kongreso de ILEI (Busan, Koreio)
2017/07/20-22: La 1a Komuna Konferenco de IKEF (Seulo, Koreio, www.amikeco.com);
2017/07/22-29: La 102-a Universala Kongreso de Esperanto (Seulo, Koreio)
2017/07/29-08/05: La 90-a SAT-Kongreso (Seulo, Koreio)
2017/08/05-12: La 73-a IJK (Aneho, Togolando)

Internacia Esperanto-Sumoo
la 44-a Sumoo: 2017/01/08-22
la 45-a Sumoo: 2017/03/12-26
la 46-a Sumoo: 2017/05/07-21
la 47-a Sumoo: 2017/07/02-09
la 48-a Sumoo: 2017/09/10-24
la 49-a Sumoo: 2017/11/12-26
Pli detale pri Sumoo vizitu
Retejo: http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html
Vikipedio: https://eo.wikipedia.org/wiki/Internacia_Esperanto-Sumoo

**Azio kaj Oceanio**

2016/12/02-05: La 35-a Komuna Seminario inter Ĉina, Japana, Korea kaj Vjetnama Junularoj (Osako, Kioto, Japanio)
12/11: Jubilea Festo okaze de la 60-a datreveno de Vjetnama Esperanto-Asocio (Hanojo, Vjetnamio)
12/30-2017/01/02: Transjara Kurskunveno de EPA (Kameoka, Japanio)

2017/01/06-15: Kongreso kaj Somerkursaro 2017 en Aŭstralio (Brisbano, Aŭstralio)

01/13-15: Esperanto-Kunloĝado 'Verda Lernejo 2017' (Aewez Guesthouse, Bangkoko, Tajlando)

02/26-03/08: La 12-a Internacia Himalaja Renkontiĝo (Nepalo),

03/30-04/01: La 18-a Israela Kongreso de Esperanto (Isrealo)

04/01: Memore al la 300-a Kurso de Seula Esperanto-Kulturcentro (Seulo, Koreio)

04/??: La 2-a Monda Filmo-Konkurso 'Teo kaj Amo' (Hangzhou, Ĉinio)

05/19: La 4-a Irana Esperanto-Kongreso (Teherano, Irano)

05/26-27: La 66-a Kantoo-Esperanto-Kongreso (Tokio, Japanio)

06/03-04: La 65-a Kansaja Esperanto-Kongreso (Japanio)

07/20-22: La 1-a Komuna Konferenco 2017 de IKEF (Seulo, Koreio)

07/29-08/01: Bonvenon al Ŭonbulismo (Iksan, Koreio)

Oktobro aŭ novembro: La 4-a Sudazia Seminario (Bangaloro, Barato)

11/03-05: La 104-a Japana Esperanto-Kongreso (Jokohamo, Japanio)

## KAEM-anoj

Prezidanto: (d-ro) So Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Vicprezidanto: (s-ro) Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com
Sekretario: (s-ro) Chimedtseren Enkhee, chimedtserenenkhee@yahoo.com

**Okcidenta kaj Centra Azio**

Israelo: (s-ro) Eran Vodevoz, evodevoz@yahoo.com
Irano: (s-ro) Hamed Sufi, sufihamed@yahoo.com
Taĝikio: (s-ro) Firdaus Shukurov, komintel@yandex.ru

**Suda Azio**

Pakistano: (s-ro) Hafiz Abdul Qudoos Shafqat
Barato: (d-ro) Giridhar Rao, agiridhar.rao@gmail.com
Nepalo: (d-ro) Mukunda Raj Pathik, mpathik@gmail.com

**Sud-Orienta Azio kaj Oceanio**
Indonezio: (s-ino) Ilia Sumilfia Dewi, ilia.dewi@gmail.com
Vjetnamio: (s-ino) Nguyen Thi Phuong Mai,
goldenprocom@gmail.com
Aŭstralio: (s-ro) Sandor Horvath, sandorhorvath07@gmail.com
Nov-Zelando: (s-ro) Bradley McDonald, bradley@nzea.org.nz
**Orienta Azio**
Ĉinio: (s-ro) Wang Ruixiang, lamondo@163.com
Mongolio: (s-ro) Chimedtseren Enkhee
chimedtserenenkhee@yahoo.com
Koreio: (d-ro) So Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Japanio: (s-ro) Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com

**Honoraj prezidantoj de KAEM**
(s-ro) Puramo CHONG (Koreio)
(s-ro) Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la bulteno "Esperanto en Azio"
(s-ro) Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net
(s-ro) Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro31@gmail.com
(s-ro) Wang Ruixiang (Ĉinio): lamondo@163.com
**Estrarano de UEA** Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net

………………………………………………………………………….

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso al KAEM: azio@yahoogroups.com
Retejo de KAEM http://www.esperantoazia.tk/
* Ne funkcias http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Adreso: Japanio, 371-0825 Gunma-ken, Maebaŝi-ŝi, Ootone 2-13-3